„Mutig vorwärts!“ # Aŭstria Esperantisto „Kuraĝe antaŭen“

(Österreichischer Esperantist)

Oficiala organo de Int. Esperanto-Muzeo kaj Aŭstria Esperanto-Asocio

10a jaro. N-ro 7 Monata Julio 1933

Redaktejo kaj Administrejo: Wien. I., Neue Burg (Tel. R 27-803).

Konto bei der Postsparkasse D-123.826

Jarabono (komencebla ĉiumonate): Por aŭstrianoj aŭ S 3.90, germanlandanoj RM 2.75 alilandanoj sv. fr. 3.50; ponumere: por enlandanoj 35 aŭ. g., eksterl. 45 aŭ. g.

Nicht zeitgerechte Abbestellung unseres Organs verpflichtet zum Weiterbezug.

## Aus aller Welt.

### Kardinal Dr. Innitzer an den Katholischen Welt-Jugendbund!

Erzbischof von Wien
Z. 259

Wien, 25 Januar 1933.

Herrn Dr. Wilhelm Solzbacher, Generalsekretär des Kath. Weltjugendbund, Berlin.

Sehr geehrter Herr Doktor!

Für die lieben Glückwünsche anläßlich meiner Ernenennung zum Erzbischof danke ich Ihnen vom Herzen. Gleichzeitig danke ich Ihnen für die an mich gesandten Esperanto-Broschüren. Ich freue mich, daß Esperanto sich so verbreitet und von Ihrem Bunde unterstützt wird.

Mit herzlichsten Segenswünschen † Innitzer

**Esperanto in der Schule.**

In England wurden im abgelaufenen Schuljahre (ohne Schottland und Irland) in 27 Schulen 1006 Knaben und Mädchen in Esperanto unterrichtet.

**Esperanto und das französische Parlament.**

Der Deputierte des Departements Rhone, M. Rolland, hat eine Gruppe der Esperantofreunde bei der Deputiertenkammer des französischen Parlamentes errichtet. Dieser Gruppe haben sich 41 Deputierte angeschlossen. (The British Esperantist)

Das Organ der **Französischen Handelskammer in London** bringt allmonatlich Artikel in Esperanto.

Im Organ des **Elektrotechnischen Institutes** der Universität Uaseda (Japan) erschien im Februar der erste Versuch eines Fachwörterbuches der Elektrotechnik, verfaßt von Takagi-Teiiĉi und Ooki-Kacumi.

In **Schweden** schreitet die Esperanto-Bewegung rasch vorwärts. An einem schriftlichen Esperanto-Kurs nahmen in den Jahren 1925—1932 mehr als 25.000 Personen teil.

Die Anschrift des **„Oesterreichischen Esperanto-Bundes“** ist jetzt Wien I. Neue Burg. Anfragen ist **stets Rückporto** beizuschließen. Tel. R 27803.

### Orienthinduja Centra E.-Organizo. (OCEO.)

La gravaj personoj en ĉi tiu centre direktata landego Orient-Hindujo ofte estas transloĝigitaj, E ne povis sufiĉe enradikiĝi. Tial oni nun fondis OCEO kun la celo de ĝenerala propagando kaj varbado; zorgado pri stokoj de esperantaĵoj kaj agado en oficialaj rondoj (ekz. koncerne ŝtatekzamenon ktp.)

OCEO estas neŭtrala, ne havas kunvenojn sed instigas al grupfondiĝoj kaj povas aliĝi ankaŭ grupoj nestrikte neŭtralaj. Kotizo laŭ la salajro, sed estas samaj rajtoj por ĉiuj! Jen la kotizskalo: Salajro ĝis 50 guldenoj — —·10 pomonate: ĝis 100 guld. — —·20 ktp. La ne-engrupiĝantaj devas nepre antaŭpagi ĉiujare.

Laŭ sia unua celo OCEO eldonas perleterajn kursojn por G —.80 krom la kotizo. Parolajn kursojn aranĝu la grupoj. Finlernintoj ricevos monatan ligilon (en la unua tempo roneo-grafitan).

Malgraŭ la trilingveco aliĝis: en Batavia 55, en cetera okcidenta Javo 7, en meza Javo 15, en orienta 13, Sumatra 5, Borneo 5, Celebes 5. Post nelonge estos varbataj la finlernintoj en Borneo (150) kaj Singapore kaj Ipoh.

La samideanoj en Orienta Hindujo kaj **Malaka Duoninsulo** estas petataj kunlabori

kaj aliĝi. Nur per tio ni povas atingi fruktedonan laboron de nia movado, jam komenciĝinte en 1907 en niaj regionoj.

**Hindo-Ĉinujo.**

La unua kurso okazis en septembro 1932 kun 47 lernantoj en Hanoi, la dua 3. I. 1933 (20 pers.), la tria 4. IV. kun 50 p. Ilin aranĝis kaj gvidis s-ano Guerineau, estro de Radio, kiu multe faris por E.

La grupo en Tonking nun nombras 50 membrojn kaj ĝi eldonas nur por siaj membroj monatan bultenon.

Koran gratulon al OCEO kaj grupo Tonking. IEMW

## Konferenco pri la unuecigo de la E.-movado.

20.—22. majo 1933 en Genève.

**Interkonsento de Genève:**

La subskribintoj, kunvenintaj en Genève, por prepari la vojon al interkonsento pri internacia organizo, starigis la jenan planon:

1. Universala E.-Asocio (UEA) estas la tutmonda organizaĵo Esperantista, reprezentanta la E.-movadon kaj organizanta la universalajn kongresojn.

2. La landaj E.-societoj, laŭ difino akceptita en KR, povas aliĝi al UEA per interkonsento, reciproke revokebla ĉiutrijare, laŭ jenaj ĝeneralaj principoj:

a) ili pagos al UEA jarkotizon de sv. fr. 0.50 por ĉiu el siaj membroj regulaj,

b) la membroj de tiuj societoj fariĝas per tio simplaj membroj de UEA; ili rajtas ricevi la internacian membrokarton kaj uzi la servojn de la delegitoj pri vojaĝ-helpo kaj informpetado;

c) la landaj societoj klopodas varbi kiom eble plej multe da aktivaj membroj de UEA. Aktivaj membroj estas membroj, senpere aliĝintaj aŭ varbitaj de landaj societoj, kiuj pagas la laŭstatuan kotizon por ricevi la jarlibron, gazeton ktp. (t. e. la ĝisnunaj M, MA, MS).

3. La landaj societoj prenas sur sin la administradon de la membroj en sia lando, sub la gvidado de ĉefdelegito, nomita de UEA, interkonsente kun la landa societo.

4. La landaj societoj partoprenas per sia estraro aŭ per siaj grupoj en la elekto de la lokaj delegitoj.

5. En landoj, kies societo aliĝis kiel membro-societo, la kotizo de UEA por aktivaj membroj, ne-apartenantaj al la landa societo, estas por ĉiu kategorio almenaŭ same alta kiel la kotizoj, kiujn la landa societo fiksis por siaj membroj el ĉiu kategorio. Tamen la ĝisnunaj membroj de UEA povas resti membroj laŭ la ĝisnunaj kondiĉoj.

6. La landaj membro-societoj kun minimume 100 membroj ĝis 1000 elektas 1 membron en la komitaton de UEA kaj plian por ĉiu komencanta milo da membroj. En tiuj landoj UEA ne plu elektos komitatanon pere de la delegitoj.

7. Kun la landoj societoj, ne-aliĝintaj al UEA kiel membro-societo, kun fakaj societoj kaj institucioj, UEA povas fari kontrakton pri favoraj kondiĉoj (art. 14 de la statuto de UEA) aŭ tiuj organizoj povas simple sin enskribi ĉe UEA kiel partoprenantoj en la ĝenerala E.-movado, kontraŭ fiksita jar-pago.

8. Okaze de ĉiu Univ. Kongreso de E. kunsidas „Konsilantaro de la E.-movado", kiu konsistas el la komitatanoj de UEA, la ĉefdelegitoj aŭ iliaj reprezentantoj, la honoraj kaj dumvivaj membroj, la patronoj kaj la reprezentantoj de la organizaĵoj, registritaj ĉe UEA laŭ artikolo 7 ĉi-supra. Tiu konsilantaro esploras la jar-raportojn pri la stato de la movado, konsideras proponojn pri disvastigo kaj utiligo de la lingvo kaj starigas programon de laboroj, kune entreprenotaj. Ĝi decidas per plimulto de la ĉeestantoj en formo de dezir-esprimoj, kiujn ĝi transdonas al la komitato de UEA.

9. La ĝisnuna kongresa regularo daŭras validi. La kongres-licenco iras al UEA.

10. Post sia likvido ICK kaj KR transdonos al UEA siajn havaĵojn kaj dokumentojn. La estraro fiksos la novajn devojn de la ĝisnunaj direktoroj kaj oficistoj de ICK kaj UEA.

11. UEA estas petata, submeti la nunan proponon al siaj komitatanoj kaj KR al la societoj

12. La nova aranĝo ekfunkcios tuj, post kiam la komitato de UEA kaj 12 landaj societoj ĝin akceptis.

Subskribis propramane: Ed. Stettler, Fr. Schoofs, Cecil C. Goldsmith, René Dubois, Rob. Kreuz, Hugo Steiner.

AEA en sia estrarkunsido akceptis ĉi tiun novan aranĝon.

Por AEA: Steiner, Hovorka.




**Adreso:** Trajanstr. 25.
**Kotizo:** Rm 20.—.

**Aliĝis** ĝis nun 750 personoj, la sama nombro kiel al la Paris-a kongreso en la sama monato.

## La sekureco de la kongreso de Kolonjo.

Telegrama respondo al ICK de la urba aŭtoritato de Kolonjo, kiu donas plenan klarecon:

esperantocentro geneve
via ekspresletero dektria punkto por okazigo esperanto-mondkongreso en

kolonjo neniaj kontraustaraj konsideroj punkto timo pri malfacilajhoj au gheno al invititaj eksterlandaj gastoj tute senbaza pro absolute ordigitaj cirkonstancoj de tuta germanlando punkto komisaria chefurbestro de la urbo kolonjo

Proksimiĝas la tago de la esperantista popolo! Kolonjo atendas la anojn de la Zamenhofa lingvo. La 25-a Universala Kongreso certe okazos de la 29. VII. ĝis la 5. VIII. en la Rejna metropolo. Ĉu vi, kara leganto, jam aliĝis? Kial ne? Ĉu vi timas, ke Germanujo nun ne estas inda loko, por festi la 25-jaran jubileon de la E-kongresoj? Ĉu vi timas, ke vi persone spertas malagrablaĵojn pro via nacieco aŭ raso? Kara kongresonto, vi tute ne havas kaŭzon, forresti la jubilean manifestacion! La vivo en Germanujo por ĉiu honesta homo ne estas endanĝerigita; ĉiutage eksterlandanoj konvinkiĝas per propra sperto, ke en Germanujo regas ordo kaj trankvilo. Do kara samlingvano, ne pli longe hezitu: aliĝu ankoraŭ hodiaŭ! La LKK streĉe laboris por via bonfarto; Kolonjo atendas vin!

Germana Esperanto-Asocio:
Behrendt, Habellok

## Pacaj batalantoj.

Kun miro mi legis en tiu ĉi rubriko („Parolas la leganto“ en Heroldo, el kiu ni represas la artikolon. Red.) artikolon, en kiu estis dirite, ke en alilandoj timemaj samideanoj skribas kontraŭ nia 25. Universala Kongreso. Mi estas angla judo, tie ĉi vivanta de tri jaroj; sed mi opinias, ke la fakto, ke la malamikoj de Germanujo faras propagandon kontraŭ tiu lando, ne devas esti kaŭzo por tio, ke ankaŭ la neŭtrala esperantistaro partoprenu en tiu propagando. Kvankam estas vere, ke la organoj de la klasbatala esperantistaro estas malpermesitaj, tamen neniu atakas la nepolitikan neŭtralan Esperanto-movadon, ĉar estas konate, ke speciale en Germanujo la „neŭtralaj“ esperantistoj ofte estis atakitaj de siaj klasbatalaj „samideanoj“. Certe, nenio internacia estas tre amata de la faŝistoj, sed ĉu tio estas kaŭzo, ke la progresema esperantisto, kiu povas esti tre bona patrioto, kiel timema ŝakalo restu for de la kongreso? Ne! Se ni volas esti veraj esperantistoj, ni ne povas simple forlasi nian standardon. Ĉu la neesperantista germano devas nin kovri per mokrido, se nur 500 aŭ 600 esp.-istoj havis la moralan kuraĝon, viziti Kolonjon — urbon, kie preskaŭ ĉiu lando de la mondo havas konsulan oficejon? Ĉu tiel ni estos indaj je la Zamenhofa titolo „pacaj batalantoj“? Ne! Tiel ni estas maldignaj esti la heredintoj de nia majstro kaj de prof. Cart, kiuj estis batalantoj en la vera senco de la vorto.

Esp.-istoj, estas nia devo aliĝi kaj veni al la Jubilea Kongreso, se ni povas, — nia devo ne sole al LKK, kiu povos suferi katastrofon, aŭ al la germana esp.-istaro, kiu spite al la malfacilaĵoj alte tenas nian verdan standardon, sed al tiuj, kiuj venos post ni, kaj al la memoro de nia mortinta majstro.

Oni nur bezonas moralan kuraĝon, kaj estas ankoraŭ sufiĉe da tempo, por ke la 25. Univ. Kongreso fariĝu la plej granda historia okazo en nia postmilita E-movado. Ekzistas nenia materia danĝero, se multaj venos. La estonteco estas en viaj manoj, pacaj batalantoj!

F. C. Midas, Angermund, Germ.

**„Bonvenon en Kolonjo“** nomiĝas ĵus eldonita 10-paĝa bela, faldprospekto kun aro da bildoj kaj bela urboplano. Mendu ĉe Städt. Verkehrsamt, Köln.

---

## XVIII. Itala Nacia Kongreso.

9.—13. aŭgusto 1933.

La kongreso okazos en Trieste (9.—13. aŭg.) kun ekskurso al Postumia (grotoj), surŝipa, balo ktp.; 13.—15. VIII. en Venezia. Poste povas okazi diversaj vojaĝoj al Firenze. Romo. Pompei ktp.

Postulu detalojn de Esperanto-Centro Itala, Gall. Vitt. Emanuele 92, Milano.

---

### Wien-a polico kaj Esperanto.

Federacio Esperantista Itala petis bildon de Wien-a esperantista policisto kun levita mano kaj staranta ĉe Riesenrad, por tiel montri la Wien-an originalon. Ni tuj faris koncernan petskribon al la policprezidantaro kaj tiu je siaj kostoj farigis la bildojn por la italaj samideanoj, kiuj ilin bezonas por propagandcelo.

Kopion de la petskribo ni enmavigis al kanceliero d-ro Dollfuss kaj ministro majoro Fey. AEA.

---

**Aŭstriaj Liglandaj Fervojoj** deziras agrabligi la vojaĝon al Aŭstrio per tio, ke ili donas laŭ la longo de la travojaĝita vojo rabatojn ĝis 80 % por la reveturo. Eĉ, se vi alilandanoj nur uzos vojon da 50 km kaj restos almenaŭ 10 tagojn en iu loko ekster la ĉefurboj, vi ricevos 50 % rabaton por la reveturo. Atesto de la koncerna komunumo necesa.

Krome Oesterreichisches Verkehrbüro aranĝos societvojaĝojn de Wien. Ili kostos S 100 resp. 120 kaj enhavos la vojaĝon en 3. klaso de rapidtrajno tien kaj reen, 8-tagan restadon en la de vi elektita loko (loĝejo, manĝoj rekompenco por la servistoj kaj impostoj). La tienveturo estas komuna, reveturo povas esti farata ĝis 17. septembro ankaŭ unuope.

Ĉiujn informojn donas al vi Oesterr. Verkehrsbüro, Wien, I., Friedrichsstrasse, ankaŭ en Esperanto.

Uzu la okazon, malmultekoste viziti nian belan Aŭstrion!

## Ĉefepiskopa Katedral- kaj Diocezan-Muzeo en Wien.

La ofte esprimita deziro de la elmondiĝinta kardinalo d-ro Piffl, fondi muzeon, por rigardebligi al la granda publiko aĵojn de l' kristana arto, ordigitajn laŭ scienca vidpunkto, nun estas efektivigita nur post unu jaro de la nuna ĉefepiskopo de Wien, kardinalo d-ro Theodor Innitzer, membro de Internacia Honora Komitato de Intern. Esperanto Muzeo en Wien.

Laŭstatute la Instituto envicigas „ajojn, neuzataj kaj endanĝerigataj sur la nuna deponloko aŭ tie ne sufiĉe atentataj" kaj speciale tio validas por la monumentoj de nia katedralo. Ne rabado de la preĝejoj do estas la celo, sed savado kaj konservado de ofte nekonataj aŭ ne sufiĉe atentataj monumentoj.

Antaŭ nelonge la nova muzeo estis malfermata.

En aro da salonegoj, la iamaj reprezentejoj de lia eminenca moŝto, la kolektitaj valoraĵoj estas ordigitaj: I. salonego speciale pentraĵoj de Nazarenoj, II. baroka salonego, III. gotika salonego, same la IV. kaj V. salonego de gobelenoj.

Ne estas eble, nombri detale la unuopajn valorajn vidindaĵojn. Rigardu ilin mem, se vi venas al Wien. Enirprezoj: Lunde kaj ĵaŭde 1 S, alitage 50 gr. Malfermita: Lunde, merkrede, vendrede 9—13 h, marde, ĵaŭde, sabate 15—18 h, dimanĉe k. festotage 9—13 h.

St.

---

## Antoni Grabowski.

La pola esperantistaro honoris dum la VII. Landa Kongreso sian faman samideanon, la unuan Esperanto-bardon

**Ant ni Grabowski**

en vere inda maniero.

Al la domo, kie vivis Grabowski, Warszawa, Hoza 42, oni malkovris memortabulon. Prof Bujwid priskribis la meritojn de li kaj poste parolis ministro Lednicki kaj Leo Belmont.

---

**Wiener Int. Briefmarken-Ausstellung (WIPA).**

aranĝis en 3 konstruaĵoj (Künstlerhaus, Secession kaj Militärkasino) grandiozajn ekspoziciojn de poŝtmarkoj, inter ili la du maloftegajn Mauritius k. a. Apartaj poŝtmarkoj estas eldonitaj (la desegno estis de la famkonata grafikisto, gravuristo kaj prezidanto de Wipa s-ro Hesshaimer) kaj baldaŭ forvenditaj.

En Secession **IEMW** ekspozis elpendaĵon kun kovertoj, afrankitaj el diversaj mondpartoj, kaj aro da ŝlosiloj divers ingvaj. La bildo de la Muzeo same kiel la surskriboj »Pere de Esperanto oni korespondas kun 140 landoj« kaj »Veŝtopoŝlernolibreto en 40 lingvoj« atentigis la vizitantojn al Esperanto.

**2. Helena Esperanto-Kongreso** okazis en Ateno 24.-26. junio 1933. Gratulon al la helenaj pioniroj kaj samideanoj!

## Int. Esperanto Muzeo en Wien

**Wien, I. Neue Burg, Heldenplatz.**

**Telefono n-ro R 27-803**

**Malfermata** labortage 9—12, 15—18 h; sabate 9—12 h.

**Dumvivaj membroj** (Aŭstrio S 15.— ev. en 3 partpagoj), por alilandanoj svis. fr. 12.50; ili enpagu la egalvaloron ĉe iu banko de sia loko por la konto de „Oesterreichische Credit-Anstalt, Wien I. Renngasse" kun la ordono, ke oni pagu al la Muzeo la koncernan sumon en aŭstriaj ŝilingoj.

**Novaj membroj:**

493. Pölzl Marie, Langenzersdorf; 494. Freund B., Brno; 495. Rübsamen Robert, Mexiko, D. F.

**Grupoj** pagas la saman kotizon por 10 jaroj.

---

## La interna ideo.

Ĉeng-Kuangming.
El „La Revuo Orienta".

Komprenante fremdlingvanojn
Dislokitajn en la mondo
Unu sidas malproksime;
Skribas kartojn kaj leterojn
Al amikoj nekonataj —
En la tuta vasta mondo
En anguloj malproksimaj
Estas nun gekamaradoj
Kunligitaj en frateco
Unu kun la alia.

Venis nun en mia mano
El la orienta mondo
Eta karto kun bildflanko
Arte bele ornamita,
Estas samideanino,
Kiu volas korespondi —
Kaj nun skribas al mi jenon:
„Kara mia kamarado,
Mi nur estas knabineto
En la lando Japanujo
Malproksima oriento —
Mi laboras en fabriko
En la urbo Jokohamo
Kaj mi devas laboregi,
Por akiri mian panon —
Trans la limojn detruendajn
Donas mi al vi la manojn.
Laborantoj de la mondo,
Estu ni unuigitaj
Per la lingvo Esperanto.
Fartu bone kamarado!
Atendante la respondon
Restas mi kun fratsalutoj."

Tiel kreas esperantoj,
Sen bruegaj packongresoj,
Sen deklamoj hipokritaj,
Diligente fundamentan
Homfratecon en la mondo.

## Vivu la neŭtralismo!

De E. Lanti.

Oni j m atentigis min pri neceso ne t o paradoksi en miaj diroj

Tute prave!

Sed la vivo, la faktoj ne malofte paradoksas. Kaj ni devas atenti la vivon, la faktojn . . .

Sendube la plej „ortodoksaj“ marksistoj konsentos, se mi asertas„ ke la socia vivo estas sinsekvo de kontraŭdiroj. Ne ekzistas absolutaj veroj, krom, krom eble en la abstrakta, matematika kampo. Veroj ĉiam rilatas al tempo, loko, forto, cirkonstancoj ktp.

Sed sufiĉe da ĉirkaŭfrazoj! Mi simple intencas krii: Vivu la neŭtralismo! Jen cinika konfeso pri „revizemo“.

Bonvolu tamen ne tro rapide fmjuĝi pri tiu mia „krimo“.

Vero estas, ke en la landoj, kie regas blanka teroro, nia SAT-movado ne povas malvolviĝi normale Tie „Sennaci lo“ kaj aliaj SAT-eldonaĵoj ne povas eniri libere. Sufiĉas esti posedanto de membrokarto de nia asocio por esti suspektata, arestata, m llliberigata.

Nu, ĉu do ni simple notu la fakton kaj rezignu? Estus tute maltrafa oportunismo! Kie SAT estas malpermesata, kie niaj anoj ne povas kolektiĝi sub nian ruĝan flagon, tie ili devas ŝirmi sin per la nure verda; ili devas partopreni la neŭtralan, burĝan, eĉ faŝistan esperantan movadon . . .

Ne gravas, se laboristo ricevas E-instruon de pastro, de faŝisto. Esperanto estas ilo, — ilo nepre necesa por la emancipo de nia klaso Oni do ne timu ricevi ĝin de malamikaj manoj. La ĉefaĵo estas posedi la ilon kaj scipovi lerte ĝin uzadi. Aliiĝos la cirkonstancoj en la blankaj landoj; venos certe la tago, k am estos eble utiligi malkaŝe la akiritan kaj bone akrigitan ilon por niaj klasaj celoj.

Kiuj ne komprenas tion, kiuj krias: „For la neŭtralismon!“ en la terorlandoj, tiuj, en plej bona okazo, estas blindaj fanatikuloj, aŭ simple provokistoj . . .

La vera kuraĝo ne konsistas el fanfaronaĵoj; vera heroo ne oferas senbezone sian vivon; male li ŝirmas zorge sian bruston por batali venke, kiam la cirkonstancoj fariĝos favoraj.

La vera kuraĝo ankaŭ estas diri la veron, eĉ kiam tio povas domaĝi al la verdiranto.

Sed kompreneble ju pli la cirkonstancoj devigas nin rezigni provizore niajn principojn en la blankaj landoj, despli ni devas rigore apliki ilin tie, kie regas ankoraŭ la burĝa demokratio.

Vivu la neŭtralismo! tie, kie nia obeinda, sed ne obeebla agitvorto: „For la neŭtralismon!“ riskas detrui tute la esperantan vivon . . .

**(Represita el Sennaciulo, kie la artikolo aperis en 1929 kaj nun estis represata kiel tre aktuala pro la germana situacio).**

## SAT.

En Sennaciulo 406 la direkcio raportas pri la situacio 1932/33. La mizera ekonomia situacio multe malutilis — „Tiuj LEA kiuj jam ĝis nun agis konforme al la Gotenburga Konvencio, daŭrigis siajn amikajn ril tojn kun SAT. Por plifirmigi tiujn rilatojn estis proponita en Stuttgart la realigo de projekto, celanta devigan liveradon de S-ulo al LEA-anaro. La aŭstria LEA (ALLE), kvankam ĝi formale akceptis la Gotenburgan Konvencion, neniel plenumis ĝiajn punktojn. Okazis nenia varbo por SAT en „La Socialisto“; male aperis malrekomendaj artikoloj kaj tiaj, kiuj preparis la skismon kaj kreon de propra Internacio. La proponoj de ALLE estis larĝe diskutataj ĉe XII. Kongreso; la granda plimulto ma akceptis tiujn proponojn; laŭ ĉia demokrata regulo do la malplimulto estus devinta sin klini, anstataŭ surpaŝi la skismigan vojon, imitante la pli fruajn skismulojn. Estu notite ĉi tie, ke la malvarbadon de ALLE ni provis kompensi per intensigita varbado en Aŭstrio.“

## ISE fondita.

Mezeŭropa Konferenco, okazinta pentekoste en Wien, decidis unuanime la fondon de Internacio de Socialistaj Esperantistoj (ISE).Ĉeestis la fondkongreson reprezentantoj de la aŭstria, hungara franca kaj ĉeĥoslovakaj organizacioj socialist-esperantistaj. El ili la 3 unuaj jam oficiale deklaris sian aliĝon al ISE kaj nun ili formas la sekciojn en siaj la doj.

ISE volas arigi la socialistajn esp.-istojn en ĉiuj landoj surbaze de landaj sekcioj; ĝi volas enpenetri tien, kie ankoraŭ ne ekzistas landa organizo. ISE estas la kerno de la movado kaj kunigas la landajn organizojn. ISE ne instaliĝas aparte de la ĝenerala socialista movado, sed konscie kiel parto de ĝi Izolite de la socialistaj partioj nia E.-movado estus sensignifa kaj sekteca, kunligite kun ili ni sukcese povas propagandi la internacian lingvon kaj veki en la proletario internacian pensadon. La unua ago de ISE do estis, informi la Socialistan Laboristan Internacion en Zürich, kies sekretario k-do Adler interesite aŭkultis la argumentojn kaj promesis aperigi en Bulteno de SLI raporton pri fondo de ISE.

Se oni riproĉus, ke ni predikas skismon aŭ volas detrui SAT, ni respondas: SAT havas individuisman organizformon kaj tial kontentigas individuistojn, dum ISE ĉiel akcentas sian kolektivisman karakteron.

ALLE transdonis al ISE sian organon „La Socialisto“ kiel unuan donacon (kondiĉe, ke en kazo de eventuala likvido ĝi refalas al ĝi).

**(El „La Socialisto“, julio).**

**20-a Jubilea Kongreso de la Bulgaraj Esperantistoj** okazos 16.-18. julio en Ruse sub la protektoreco de urbestro inĝ. Pavlov. **Adreso de LKK: Ivan Kotov, nacia bakon.**

**„La pirato“**, kajeroj por Satiro, Humoro kaj Libereco . . . . relativa, elvenis en sia unua numero dum junio. Ŝipestro: Raymond Schwartz; redakcio: 5, Ave Galliéni, Courbevoie (Seine), Francujo; hejma haveno kaj administracio: J. Solsona, 9 Rue Hallé, Paris -14. Kaperas ĉiumonate. Jarabono 12 fr. fr.

Nun la ŝipo eknaĝis. La Pirato veliros, sendepende de l'vento.

**El „Monduma klaĉejo“ de la „Pirato“.**

**La strutpolitiko.** — La 20. de majo UFE aranĝis konferencon en Ĝenevo por pristudi la situacion de l' reorganiza ĥaoso kun la intenco trovi, se iel eble, solvon akcepteblan de ĉiuj. Kompreneble ankaŭ UEA estis invitata, sed UEA rifuzis ĉeesti. Verŝajne pro la altaj vojaĝkostoj??

**Kaj tamen . . .** — Kaj tamen, — tio estas tute aparta ĉapitro — UEA iris al Ĝenevo. Sed dezirante savi sian virgecan honoron, UEA ne povis publike eniri en la domon de UFE. Pro la sama motivo UFE ne povis sin ŝteli en la hejmon de UEA. Kion fari? — Ili renkontiĝis en hotelo. — Jes, sinjoro, kiel geamantoj.

**Kaj nun?** — Post tiu intima hotela kunveno oni anoncas, kiel decas, la gefianĉiĝon de UEA kaj UFE, kvankam neoficiale. Se la gepatroj konsentas, la geedziĝo okazos en Kolonjo. Fraŭlino UFE fariĝos UEA Sed kiu poste portos la pantalonon?

## Gravaĵoj.

**„La Infanaro“.**

La prezidanto de „Imperia Asocio por Infana Eduko“, d-ro Iŝii en Tokio, neesperantisto, siavole dediĉis E.-parton en „La Infanaro“. Japana E.-Instituto redaktas ĉi tiun parton kaj instigas la s-anojn, speciale instruistojn, tra tutmondo al kunlaboro kaj abono (jarkotizo 3 Yen). Adr.: Deniĉi Iŝii, 34 Niŝi-Gokenĉoo, Uŝigome, Tokio. Gratulu!

**Junulara Propagando-Oficejo** estis starigata en kunlaboro kun

Tutmonda E.-Junulara Asocio (TEJA)
Mondjunularo Katolika (MOKA)
E.-fakoj de kelkaj Foiroj
E.-fakoj de kelkaj Fremduloficejoj en Rotterdam.

La oficejo celas: a) konstante propagandi E-on pere de la junularo kaj inter ĝi, b) plivalorigi E.-on per servoj al E-uzantoj, precipe al tiuj, kiuj reklamas E.-lingve per gvidiloj, prospektoj ktp.

Laŭpove ĉiu esperantisto kunlaboru!

La gvid.: A. C. v. Ingen, Voorhaven 43, Rotterdam-W.

**Norvega E-Ligo** elektis dum sia ĝen.-kunsido la 4. VI. en Hamar prez.-kapitanon R. Bugge-Paulsen; vicprez. - f-inon Rosa Bye; ĝen. sekr. - Arne Arnessen.

**Populara Esperanto-Biblioteko**, Venlo, poŝtkesto 81, Nederl., intencas eldoni aron da E-libroj kaj invitas al abono.

Ĉiumonate aperos du volumoj, kiuj kostos ned. guld. 2.25 po libro; sed por aliĝintoj, kiuj ricevas monate po du libroj, la prezo estas por du libroj nur 2.50 plus sendkostoj.

**Kristana E-ista Ligo Intern.** (KELI), oficejo Paul Hübner, Pölkenstr. 4, Quedlinburg, Germ., depost la Paris-a Kongreso denove eldonas sian organon „Dia Regno“. Naciaj sekcioj fonditaj en Germanujo kaj Nederlando. la ligo preparas la protestantan diservon kaj du fakkunsidojn en Köln.

**„La Juna Batalanto“**

**Nova adreso:** 77 Montée de Pilate, Luxembourg-Eich, Luxemburg. La sama adreso estas por la intern sekretariejo de Mondjunularo Katolika (MOKA) kaj ankaŭ de d-ro Wilhelm Solzbacher persone.

**Löwenapotheke Dr. R. G. Maeder**, St. Gallen, Schweiz, hat auf Briefpapier und Umschlägen „Esperanto parolata“ und verschickt für ein neues Präparat Werbeblätter in deutsch und Esperanto.

## Ŝercangulo.

### La kaslibro.

De R. G. Gallahan.

Vizitinte antaŭ kelkaj tagoj malnovan amikon mi konstatis, ke li havis tre malbonan mienon. Je mia demando pri la kaŭzo, li montris al mi anstataŭ respondo unu paĝon de sia kaslibro. Mi legis el la cifervicoj tragikomedian historieton, kiel ĝi povas okazi ĉiutage:

| Oktobro. | Elspezoj: |
|---|---|
| 3. Anonco: Stenotipistino serĉata . | 3.50 |
| 6. Violoj por la nova stenotip-ino . | 2.70 |
| 8. Salajro semajna por la nova stenotipistino . . . . . . . . . . | 50.— |
| 11. Rozoj por la nova sten-ino . . | 7.— |
| 15. Semajna salajro por la sten-ino | 90.— |
| 19. Tagmanĝo kun f-ino Lilian Fr. . | 36.60 |
| 22. Salajro de Lilian . . . . . . . . | 120.— |
| 25. Teatro kaj vespermanĝo kun L. | 130.— |
| 26. Peltmantelo por mia fianĉino . . | 3000.— |
| 26. Anonco: Stenotipisto serĉata . | 3.50 |

(El „Esperanto“-Genève)

**La movado kontraŭ ne-arianaj kuracistoj kaj advokatoj.**

Hitlerano: „Ĉu vi estas aŭtentika ariano, d-ro Levi?“

D-ro Levi: „Sendube, mi ja vivas nur de miaj honorarioj.“

Hitlerano: „Kion tio pruvas?“

D-ro Levi: „Ke mi estas honor-ariano“.

(„La Pirato-Paris“)

**Estrarkunsidoj** okazis 12. junio kaj 2. julio. Protokolon la grupoj ricecos en kelkaj tagoj.

**An alle Gesinnungsfreunde!**

Unser Aufruf in Nr. 6 hat nur wenig Widerhall gefunden!

Nur wenige Antworten sind eingelaufen! Dies darf uns nicht entmutigen! Wir haben eine nicht angenehme Aufgabe übernommen, die österr. Bewegung, die auch durch die Wirtschaftskrise leidet, weiter zu dem zu machen, was sie nach dem in Oesterreich auf dem Gebiete des Esperanto Errungenen zu sein hätte — zu einer mächtigen Organisation.

Unser bester Wille und unsere größte Aufopferung kann dies aber nicht erreichen, wenn die Gesinnungsfreunde nicht sich selbst dessen bewusst sind, dass die Bewegung — **Sie alle sind! ! !** Sie alle müssen mithelfen! Und da wenden wir uns nicht mehr mit Worten des Bittens an Sie, sondern wir appellieren an Ihre Liebe zu Esperanto, an Ihren Idealismus, der sich aber auch den realen Notwendigkeiten des Lebens nicht verschliessen darf. Jeder Mensch bringt für seine Liebhabereien Opfer, warum sollen wir für unser Ideal, das Esperanto, keine solchen bringen?

Hier wollen wir Zamenhof selbst sprechen lassen:

## Vortoj de Zamenhof.

El „Originala Verkaro de d-ro Johann Dietterle".

Jen respondoj aperintaj en 1889 en la unua gazeto, fondita de Zamenhof, „La Esperantisto":

**Al S-ro I. V. en T.** — Vi plendas, ke en via urbo ĝis nun neniu ankoraŭ ion scias pri la lingvo Esperanto! Nu, kiu estas kulpa? Se la amikoj en T. anstataŭ ion fari kaj vastigi nian aferon, atendos, ke oni laboru energie, ke oni faru la aferon pli konata en alia urbo — tiam nia afero neniam progresos en via urbo. Vi demandas min kial nia afero estas ankoraŭ malmulte konata en via urbo! Ne forgesu. ke en nia afero mi estas nur unu el la laboristoj, kaj se mi devus mem kaj sola fari la tutan aferon, kiu devas esti farata de multaj lokoj, tiam nia afero estus perdita

**Al S-ro M-n en G.** — Via letero estas subskribita: „Unu el la plej varmaj amikoj de Esperanto"! Mi efektive memoras, ke de tempo al tempo vi sendas al mi leterojn kun demandoj pri la irado de la afero; sed neniam ankoraŭ vi skribis al mi, kion vi mem faris por nia afero Varma amiko de nia afero povas sin nomi ne tiu. kiu ĉiam demandas, sed nur tiu, kiu laboras por nia afero kaj vastigas ĝin Anstataŭ demandi min ĉiumonate „kio estas farita". vi devas en la fino de ĉiu monato demandi vin mem: „kion mi faris por nia afero en la pasinta monato?"

Nachdem wir unseren verehrten Meister selbst gehört haben, wollen wir Sie auffordern, mit allen Kräften, auch geldlichen, uns zur Seite zu stehen! Jede Gruppe und jeder Esperantist beantworte bis Ende Juli die Fragen 1—5 aus »Al la grupoj kaj izoluloj« in Nr. 6, zu P. 7 wird der Uraniaverband in allen Orten, wo eine Urania besteht, die Anfrage an die Urania-Vorstände richten, ob sie einen Vortrag über »Kopenhagen und Stockholm, die schönen Städte des Nordens« und »das suveräne Fürstentum Liechtenstein« veranstalten wollen. Es wäre den Esperantisten in diesen Orten zu empfehlen. sich mit der Urania ins Einvernehmen zu setzen und auf Abhaltung eines solchen Vortrages hinzuwirken. In Orten, wo keine Urania ist, sollten die Esperantisten im Interesse der E-Bewegung sich für den Vortrag interessieren und sich mit uns ins Einvernehmen setzen. Zu P. 7 b) wäre es wichtig, daß die Zeitung möglichst viel abonniert werden möge, sie sollte in Gast- und Kaffeehäusern Ihres Ortes aufliegen. Für solche Lokale ausserordentlich ermäßigter Preis von S 3.20.

Izolululoj wollen sich direkt als Mitglied der AEA anschliessen.

Wir sind sicher, recht rasch und ausführlich Berichte zu erhalten und danken hierfür schon jetzt. AEA: Steiner, Hovorka.

**Kunveno de s-anoj en Waldviertel**

okazis laŭ propono de s-ano Nowotny. Kunvenis 29 el Gr.-Sieghards, Gföhl, Horn, Krems, Siegmundsherberg. St. Pölten. Post raportoj pri la movado en la unuopaj lokoj oni decidis pli intiman kontakton inter la grupoj por pli bona kunlaboro. Fine prezentado de kantoj kaj poemoj.

**Krems.** Prez Stanke transprenis la taskon de gazetservo.

**Krems.** La E-grupo aranĝis la 4. majo okaze de la forvojaĝo de nia ĉiam fidela s-anino Meindl-Fefferna al Abesinio festan adiaŭ-kunvenon, kiun ĉeestis 26 ges-anoj. Elkoraj paroladoj kaj kantoj beligis tiun vere familian kunestadon.

E-kurso en **„Junulara Ligo de Savarmeo"** ĉiun ĵaŭdon 19 h 30, Wien VII. Kaiserstr. 30. Gvid. Fried. Dünisch

**ESPERANTO-SOCIETO POR STIRIO**
Graz, VI., Schönaugasse 6.

**Bericht über die Leitungssitzung** vom 23. Juni. — Der hiesige Landesverband für Fremdenverkehr wünscht Werbematerial in Esperanto. Schulrat Schöpfer legt das Programm der von ihm am 29. Juni vorzunehmenden E-Prüfung vor. Interesse erweckt Programm des ital. E-Kongresses. Zum Aufruf in AE nimmt H. Bartel Stellung. Wegen Vortrag Danzig werden Einzelheiten abgewartet, Konferenz Wien-Budapest, Wiener Kongress 1936 und Schaffung einer modernen Aŭstria Antologio werden gestreift. Pressedienst bleibt in denselben Händen wie bisher. Dr. Biehler.

**Koran kondolencon** al s-ro kortega kons. d-ro Wilhe'm Heeber, pro la morto de lia patrino.

IEMW, AEA, AE

## Rimarkindaj presaĵoj

Ni mencias unuope senditajn verkojn; ni recenzas duope senditajn.

**Esperantista Voĉo, Jaslo.**

**„Pol-Pomeranio"** de Kazimierz Smogorzewski, trad. de Grenkamp-Kor feld.

El 3 partoj la aŭtoro provas klarigi, ke Pomeranio estas esence pola lando. Unue li akcentas, ke nur dufoje dum iom pli ol centjaro ĝi estis germana posedaĵo, poste li parolas pri la nacieco de la provinco kaj kontraŭas la starigon de mazura kaj kaŝuba dialektoj kiel memstaraj lingvoj. La malkreskon de la germannacianoj li iom tendence trotigas kaj akre atakas la politikon de Bismarck kaj Bülow. Fine li parolas pri la graveco de Danzig kaj Gdynow por Polujo kaj pri la mirinda evoluo de la pola haveno. Krome li volas pruvi, ke ekzistas multaj Orientaj Prusujoj en la mondo, sed ne atentas, ke nenio ukazo samgranda terpeco estas forŝirita de grandpotenco.

Tre laŭdinda estas la aldono de ege supervideblaj tabeloj kaj kartoj. Lingve la verko estas bone skribita kiel ĉiuj tradukoj de Grenkamp. Iomete malofta estas la uzo de „laŭ", nekutima la kelkloka anstataŭo de „aŭ" per „ĉu" kaj la troa aplikado de „-ig"-formo anstataŭ simpla verbo. Vere malkorektaj estas la formoj „spiritista" (anst. spirita) volismo sur p. 35; 59 „la teritoria tuto" al (anst. sendanĝereco), 68 ilia (anst. sia). 73 linio 2. de sube datreveno al (anst. de), 76 dubi en (pri), 100 ĝusti (pravi), 107 „kvankam" anst. „malgraŭ", 114 „demandi" anst. „postuli" (galicismo), „dum" anst. „dume", 121 lasta linio porteblo (anst. portokapablo). Rilate la sovetismojn „aliel" ktp. mi citas Ifigenion „ne povas mi alkutimiĝi". D-ro W. Biehler

**Eld. SAT, Paris.**

**„Gvidilo tra la Esp.-Movado"** de G. P. de Bruin, 12·5×18·5 cm; prezo fr. fr. 4.—, 1933.

La plej granda parto de la libro sin okupas pri la labor sta movado kaj la kompilinto eĉ ne scias ion pri ekzisto de Int. E-Muzeo, al kiu ankaŭ la Nederlanda Laborista Federacio Esp., kies ano li estas, sendas regule siajn gazeton kaj eldonaĵojn. *Por la* laborista movado kiel por la neŭtrala samvalora estu la Muzeo.

## Silabŝarado.

De A. B., Salzburg.

aŭ, bach, be, bon, br, ce, do, e, e, eks, ent, er, fen, fod, gaŭ, in, jek, jo, ken, kurs, lan, lauf, lo, mi, mor, na, ne, nest, o, of, ok, pa, re, re, re, ri, se, se, su, ŝa, ti, to, tram, tun, ung, ve, vo, zi.

El la 48 silaboj vi formu vortojn laŭ sekvanta signifo. La unuaj kaj lastaj literoj, legataj de supre malsupren, nomas gravan Esperanto-kreadon kaj ties kreinton.

Aŭstria riveretο, nokta koncerto, orienta seĝporto s. f., ekzekutejo, koncize ripeti, sezono s. f., kovujo s. f., urba trafikilo, komposto, tempdifino, fingroparto s. f, peltbesto, promenejo s. f., kardinala punkto, reale, enŝprucigi, valora ligno s. f., bezone, monato s. f. — s. f. = sen finaĵo.

## Kunvenoj de esperantistoj.
## Zusammenkünfte der Esperantisten.

**Baden:** N. Pronay, Bahngasse 2.

**Braunau** a. I; Haselbauer, Linzerstr 7/II.

**Graz.**

E-Verein für Steiermark, Schönaugasse 6/II, Heim: Bürgergasse 4, Fr (v) 20-23 h.

E-Verein „Em. Peltier", Sackstr. 16/II, Mo (l) 20 h.

**Gr. Sieghart:** Portier Novotny, Fabrik.

**Innsbruck:** Hotel Grüner Baum, Museumstr. 35, Do (j), 20 h.

**Klagenfurt:** Elektrizitätswerke.

*Linz: Gasthaus Stadtgut, Volksgartenstraße.*

**Salzburg:**

E-Grupo: Gastejo Schwarzes Rössel, Berggasse, Mi (mk) 20 h.

E-Grupo „Estonteco", prez. Kaps, Dreifaltigkeitsgasse 14.

**Sigmundsherberg:** Schule, Fr (v) 20 h.

**Steyr:** Schlüsselhofstr., Fr. (v.), 20 h.

**Wien.**

D-ro Sos-Grupo, I. kafejo Kolowratring, Schubertring 2 Fr. (v.) 19 h.

E-Org. de OficHavantoj, IV. Schäffergasse 3, Mag. Bez.-Amt, ĉiutage esc. sabate; 19 h.

Esp.-societo „Fideleco", Café Zoglmann, XVIII., Staudgasse 1, Di (m), 16-19 h.

Koloman Kalocsay-Grupo ĉe s-ro Hovorka, IX. Löblichgasse 3, Mi (mk) 19 h.

Libera E-Rondo „Verda Angulo", kafejo Hrdy, XVI. Ottakringerstr. 119: Mi (mk) 20-22 h.

E-Rondo „Kolonelo Zwach" ĉe Stafa, VII. *Mariahilferstr. 120 Di (m), 16-18 h.*

Katolika Unuiĝo E.-ista en Wien, I. Freyung 6 (Schottenpfarrkanzlei) Mi (mk) 18—20 h.

Posedanto, administranto, eldonanto kaj respondeca redaktoro Regierungsrat Hugo Steiner, Bisamberg, Bundesstr. 154. — Presejo: S. Falk, Wien, XIII, Nobilegasse 4.